2/2000

# Internacia Ĵurnalisto

cirkulero de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

## Veteranoj kaj novuloj

### Informa kunveno dum la UK en Tel-Avivo

La kunveno de TEĴA okazis, kadre de la UK en Tel–Aviv, dimanĉon la 30an de julio, en la salono Maschler. Kolektiĝis 11 personoj, el kiuj 5 estis membroj. Du esprimis sian volon aliĝi, Silvia Pilger el Nederlando, kaj MIYOSHI Etsuo el Japanio (ĉu la kolegoj rimarkas? – mecenato de la fondaĵo Cigno).

Ĉar la prezidanto forestas, pro malsano, kiu ne estis serioza je nia trankviliĝo, la kunsido rezoluciis nenion, nek okazis ŝanĝo en la estraro, kaj ĝi estis de nura informa karaktero. La sekretario klarigis la historion de la asocio, ekde la reorganizo (post la enmarĉiĝo sub la malnova strukturo) fare de Stefan Maul, tra posta financa krizo, ĝis la nuna stabiliĝo. Inter la ĉestantaj veteranoj estis Gilbert Ledon, István Ertl, kiu baldaŭ retiriĝis el la salono, vokite aliloken, kaj KIKUSIMA Kazuko, pli bone konata sub la plumnomo Krizantemo. Inter la nemembroj troviĝis Viŝnjo Brankoviĉ, prizorginto loĝistika de la ĉi–jara OSIEK–konferenco kaj unu el la probablaj prizorgontoj de la zagreba UK.

La artikolo aperinta en la kongresa Kuriero *STel-Avivo senpaŭze*, n-ro 6, estis iom konfuzita, ĉar ĝi estis kunkuirado fare de la redaktoro el du manuskriptoj, unu de via sekretario kaj la alia de Davor Grgat el Kroatio, kiu tute volontule submetis sian raporton, nepetite.

Al la novaj aliĝintoj mi sendis novan pli simpligitan prospekton, anstataŭ la malnova iom luksa, de TEĴA, preparitan de Roland Rotsaert, kiu ankaŭ ĉeestis en la telaviva kunsido.

YAMASAKI Seikô

## Necesas kritiko kaj memkritiko

### Salutmesaĝoj de prezidanto kaj vicprezidanto

Karaj kolegoj kaj gastoj!
Bedaŭrinde mi – precipe pro sanproblemoj – ne povas ĉeesti en Tel-Avivo, sed nia sekretario same bone povas informi vin pri la ne tre bona stato de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. Mi kore salutas kaj deziras bonan sukceson al la kunveno kaj la tuta kongreso.
Kiel scias precipe la ĵurnalistoj inter vi, la ankoraŭ daŭranta revolucio en komunikado – precipe la pli kaj pli potenca interreto – draste ŝanĝis kaj ŝanĝas ankaŭ laboradon de ĵurnalistoj. Bedaŭrinde la teknika progreso ofte estas akompanata de perdo de kvalito. Rapideco pli gravas ol solida informado, distro pli gravas ol serioza enhavo ktp. Jen defio por konsciaj ĵurnalistoj.
Aliflanke ĝuste por ni esperantistoj, vivantaj en mondvasta diasporo, interreto alportas grandajn avantaĝojn. Fulmrapide ni povas komuniki kaj interŝanĝi informojn. Preskaŭ ĉiuj Esperanto–gazetoj intertempe uzas tiun ĉi modernan teknikon de kunlaborado inter aŭtoroj kaj redaktoroj. Ĉu per tio pliboniĝis ankaŭ la kvalito, tion devas prijuĝi la uzantoj de niaj periodaĵoj kaj de ties retversioj.
Mi persone vidas en interreto multan inform–rubon. Ŝajnas, ke ankaŭ esperantistojn miskondukas la disponata rapideco al malzorgemo. Sed nia afero, la lingvo internacia, estas serioza, tre serioza afero. Do ni ĉiam denove esploru nin per kritiko kaj memkritiko.

Stefan Maul

***

Mi ne partoprenos la kongreson en Tel–Aviv: ĉi–jare, restante en fora Britujo, mi televivos, ne telavivos. Bv. saluti mianome partoprenantojn en la TEĴA–kunsido.
Pri la trejn–kurso nenio freŝa raportendas: neniu lastatempe kompletigis la kurson kaj gajnis diplomon; intereso pri ĝi nulas – evidente pro manko de reklamado; verdire – kiel mi diris en Berlino – la kurso bezonas reviziadon kaj „relanĉon" eventuale kun du–tri novaj docentoj, sed pro ĉiam pli da premoj ĉe la universitato mi aktuale ne disponas tempon por tion entrepreni. Ja deprimiga sed honesta kaj realisma pritakso de la situacio.

Paul Gubbins

Ne forjetu la koverton!

Atentu la adres-etikedon! Detalojn vidu sur paĝo 2.

KOLOFONO

***Internacia Ĵurnalisto***
cirkulero de
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas maksimume 4foje jare

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio; retadreso: maul@newsfactory.net
Redaktofino de tiu ĉi numero: 25 nov 2000
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

**Estraro de TEĴA:**
Prezidanto: Stefan MAUL (adreso supre)
Vicprezidanto: Paul GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio; retadreso: 100103.3317@compuserve.com
Sekretario/kasisto: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185-0014 Tôkyô, Japanio; retadreso: syama@dokkyo.ac.jp
Estrarano: Aleksander KORĴENKOV

Arbitracia komisiono: István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI
Laborkomisiono pri trejnado de ĵurnalistoj: estro Paul GUBBINS (adreso supre)
Laborkomisiono de radioĵurnalistoj: Andrzej PETTYN

Landaj sekcioj en Bulgario, Japanio, Pollando kaj Ruslando

Membrokotizo: 10 eŭroj jare (B-landoj 2,50 EUR). Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f.

# Publika plendoletero

Estimata ĉefredaktoro Trifonchovski,
En la numero 186 de „Literatura Foiro“, sur la paĝo 175, vi publikigis faksimilon de privata letero, sendita en 1986 de mi kaj mia eksedzino al Giorgio Silfer kaj Perla Ari Martinelli. Per tio vi lezis miajn aŭtorajn rajtojn, ĉar vi ne petis permeson por la publikigo. Laŭ la juro valida en Finnlando, kaj evidente ankaŭ en Bulgarujo aŭ Svislando, sendita letero apartenas materie al ties ricevinto, sed la sendinto konservas la aŭtoran rajton decidi pri ĝia publikigo.
Mi trovas la lezon kontraŭ miaj aŭtoraj rajtoj des pli grava, ĉar ne temis pri teksto celita por aperigo ie, nur ŝtelita por via revuo – sed temis pri teksto, kiu kiel privata letero estis evidente neniel celita por publikigo.
Por mi estas tro malfacile procesi kontraŭ via revuo en tribunalo. Mi estas ankaŭ informita, ke la redaktoroj de via revuo ne membras en Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, kaj tial mi ne povas uzi ties Arbitracian Komisionon por ricevi juston. Tial mia sola ebla reago estas ĉi tiu nefermita plendoletero, kiun ĉiu esperantisto povas libere publikigi.
Al la personoj menciitaj en la letero de la jaro 1986 mi diras: evidente mi skribis ĝin surbaze de la informoj, kiujn mi tiutempe havis; sed mi ne celis ĝin por publikigo, nek publikigus ĝin nun sen kontroli, ĉu miaj informoj tiutempaj estis ĝustaj kaj kompletaj. Tial mi pardonpetas al ĉiuj menciitaj en la letero kaj esperas, ke la kontraŭleĝa aperigo ne malbonigos miajn personajn rilatojn kun iu ajn – krom la ĉefredaktoro de Literatura Foiro, kompreneble.
Jouko Lindstedt
jouko.lindstedt@helsinki.fi

# *Instanco mankas*

*La kazo de Lindstdedt kaj simila problemo de István Ertl (kies Verne–tradukon oni eldonis pirate) montras dilemon: en Esperantujo mankas ĝenerala instanco por plendi ĉe kaj pri redakcioj kaj eldonejoj. La arbitracia komisiono de TEĴA povas ekaktivi nur, se temas pri membro de la fakorganizaĵo.*
*Ni bezonus tian instancon, kiajn havas pluraj landoj, al kiu povas turni sin ĉiu ajn kun plendo. En kazo de verdikto redakcioj kaj eldonejoj estas devigataj, aperigi reĝustigon aŭ riproĉon. Sed kondiĉo por tia instanco estus, ke ĉiuj esperantistaj eldonejoj kaj redakcioj membrus en tia organizaĵo, financus ĝin kaj devigus sin, ankaŭ mem publikigi verdikton. Sole jam ekzisto de tia instanco efikus, ke ankaŭ en Esperantujo oni pli zorgeme atentus pri leĝoj kaj etiko. Ĉu estas utopio aŭ realigebla plano?*

*Stefan Maul*

# Kasraporto

FEL-konto:

| | |
|---|---|
| Saldo 1999-06-30 | 965,76 EUR |
| Enspezo | 150,33 EUR |
| Elspezo | 10 EUR |
| Saldo 2000-06-30 | 1262,72EUR |

UEA-konto (66,18 EUR):
Enspezo 206,98 EUR Elspezo 0
Saldo 2000-06-30 273,16 EUR

**Ne forgesu pagi!**

Vi trovas sur la adres–etikedo malantaŭ via nomo duciferan aldonon; tiu indikas la jaron de via lasta kotizpago, do 99 ekz. signifas, ke tiun jaron vi pagis, sed poste ne plu. Por renovigi vian membrecon, pagu al unu el niaj kontoj indikitaj en la kolofono.
La kasisto anticipe petas pardonon pro eventualaj eraroj pri kotiz–pagoj; kiu trovis eraron, bonvolu informi la kasiston, prefere kun dato kaj konto de la pago.

= 06